Divastigante Esperanton rapide kaj malmultekoste

# Fanzeranto

Divulgando um esperanto rápido e de baixo custo

Pouso Alegre - MG - Brasil / Brazilo - junho / Junio - 2010 Jaro 1 / Ano 1 - Numero 01 / Número 01

Jen nia unua numero, Fanzeranto. Sed, kio estas tio? Fanzino pri Esperanto. Jes, pri Esperanto! Multe da homoj eĉ neniam aŭdis pri la transnacia lingvo Esperanto, sed ĝi ekzistas, ĝi estas realo, kaj fanzino estas komunikilo utila kaj malmultekosta. Nia fanzino celas tiun rapidan kaj malaltkostan divastigadon. Krom la presita materialo ni havos blogon, twitteron kaj ankaŭ profitos la jam maturan strukturon de la diskuto-grupo "Sudminasa".

Ni kalkulos je via helpo, konsiderante ke, ĝis hodiaŭ, la perbuŝa disvastigado estas tre efika propaganda medio.



Poeziaĵo
Meĥatroniko
Numismatiko
Esperanto-Movado
Deklaroj
Novaĵoj

Eis nosso primeiro número, Fanzeranto. Mas, o que seria isso? Um fanzine sobre o esperanto. Sim, sobre o esperanto! Muitos nem sequer ouviram falar do idioma transnacional esperanto, mas ele existe, é uma realidade, e fanzine é um instrumento de comunicação útil e barato. Nosso fanzine tem como meta fazer essa divulgação rápida e de baixo custo. Além do material impresso teremos um blog, um twitter e aproveitaremos também a estrutura já amadurecida do grupo de discussão "Sudminasa".

Contaremos com sua ajuda, já que, ainda hoje, a divulgação boca a boca é um meio de propaganda muito eficaz.



Poesia
Mecatrônica
Numismática
Movimento esperantista
Depoimentos
Novidades

# Esperanta Vikipedio kun pli ol 450.000 artikoloj

"La WikiTrans-projekto estas esplor- kaj evoluigo-projekto de la dana lingvoteknologio-firmao- GrammarSoft ApS [Eckhard Bick], kunlabore kun University of Southern Denmark (Suddana Universitato). La ĉefa celo de la projekto estas permesi trans-lingvan uzadon de Vikipedio-artikoloj, pere de paralela tradukita retejo.

Unuavice la ideo estas oferti aliron al la plej granda Vikipedio de ĉiuj - la angla, kun pli ol 3 milionoj da artikoloj - en Esperanto kaj la dana. Kvankam ambaŭ lingvoj estas inter la pli grandaj Vikipedioj, iliaj po 130.000 artikoloj konsistigas nur modestan kolekton kompare al kio haveblas en la angla. Krome, la individuaj artikoloj estas ofte multe pli malgrandaj ol iliaj anglaj analogoj, malpli dense fontigitaj aŭ simple t.n. ĝermoj."

**Fanzeranto**

Esperanta Divastigilo

Pouso Alegre - MG - Brasil

Caixa Postal 202 - CEP: 37550-000

fanzeranto.wordpress.com

fanzeranto@gmail.com

Direktoro/diretor: Fábio Roberto Silva - Diagramado/diagramação: Lumo Artes Empreendimentos - Revizio/revisão: Maria Antônia Sobral - Silvianópolis. Fanzeranto estas sendependa organo; la opinioj de niaj kunlaborantoj ne ĉiam spegulas la niajn. Fanzeranto é um orgão independente; as opiniões de nossos colaboradores não são necessariamente as nossas.

Jes ja, temas pri tradukoj, ne senmakulaj aŭ seneraraj, sed surprize bonaj. Se vi interesiĝas, simple iom ludetu per WikiTrans. Jen la angla elefanto tradukita al Esperanto, jen la esperanta elefanto. Jen tradukita Londono, jen la originale esperanta Londono, jen la detala kontraŭvarma ŝildo (heat shield), jen la magra samtitola, ktp.

Jes ja, kompreneble ankaŭ ekzistas inversaj kazoj, nome artikoloj, kie la esperanta originalo estas enhave pli detala kaj profunda, vd. ekzemple la tekston pri la esperanta Gaston Waringhien kaj tiutradukita el la angla. Kaj, jes ja, ekzistas kazoj, kie en la angla Vikipedio tute mankas artikoloj troveblaj en la esperanta (ekzemple pri la germana Esperanto-vortaristo Max Butin).

Vi certe trovos ankoraŭ multajn aliajn pridiskutindajn aspektojn. Sed ŝajnas al mi klare, ke la tuta Vikipedia agado devas esti profunde repensiigita. Ĉu nova prioritato ne devas esti korekti la tradukojn anstataŭ mem ekverki? Kaj se oni originale ekverkas, ĉu oni ne prioritate verku pri verdlandaj, esperantaj "naciaĵoj", kulturo ktp. ne troveblaj en la angla Vikipedio?

Jen la paĝaro: www.epo.wikitrans.net.

Teksto bazita en artikolo de Bernardo de Ipernity.

# Oho Bela Brazilo

**O**doranta je mimoz'
**H**ejmeca rifuĝejo
**O**ceanega verdo

**B**enita de Dio
**E**sperantista lando
**L**ulita de l'ĉielo
**A**kvita de lazuro.

**B**razilo, ha Brazilo!
**R**evo kaj realaĵo
**A**spiranta al bono
**Z**orgoplena popolo.
**I**magbildo por ĉio
**L**ando por feliĉeco
**O**rnamaĵo por mondo.

Marcel Lemeltier
Bricquebec / Francio
marcel.lemeltier@wanadoo.fr

# Ho Belo Brasil

Cheirando à flor mimosa
Refúgio doméstico
Verde de enorme oceano

Abençoado por Deus
País esperantista
Embalado pelo céu
Banhado pelo azul ce-
leste.

Brasil, ah Brasil!
Sonho e realidade
Aspirante do bem
Povo atencioso.
Fantazia por tudo
País para a felicidade
Ornamento para o mun-
do.

Marcel Lemeltier
Bricquebec / França
marcel.lemeltier@wanadoo.fr

# Jam de sep jaroj Esperanto estas mia ĉefa okupo

# Já há sete anos o esperanto é minha ocupação principal

Nomo: **Katalin Kovats**
Lando: Nederlando / Hungario
Profesio: Instruistino kaj redaktorino de ttt-paĝaroj.
En la Esperanto-movado; interalie:
* Iniciatintino kaj redaktorino de www.edukado.net
* Tre ŝatata instruistino kaj pedagogino.

Atendante mian unuan infanon kaj kuŝante en hospitalo dum longaj monatoj, en la lastaj semajnoj mi subite ekpensis pri Esperanto, pri kio mi aŭdis jam plurfoje en mia vivo, kaj petis mian edzon akiri al mi lernolibron kaj vortaron. 30 nap alatt eszperantóul (Ene de 30 tagoj en Esperanto) estis la titolo de la libro, kiun mi intense studis antaŭ ol mia unua filo naskiĝis. Estis granda ĝuo en mia tiama "senkapableco" alproprigi lingvon je komunikkapabla nivelo ene de kelkaj semajnoj!
Mi plulernis ankaŭ post la nasko kaj baldaŭ mi mem ekinstruis Esperanton en la lernejo, kie mi instruis matematikon kaj la rusan lingvon. Poste mi serĉis kontaktojn kun esperantistoj. Tio en Hungario ne estis malfacila tasko, ja abundis kaj abundas ankaŭ nun diplomitaj instruistoj pri Esperanto. Ankaŭ mi fariĝis tio kaj la "verda lingvo" (t.e. Esperanto) komencis trateksi nian vivon. Mian kaj tiun de la tuta familio. Pere de ĝi ni ekhavis eblojn vojaĝi, mi staĝis en Esperanto-centro en Svislando kaj instruis en Francio, poste unu post la aliaj mi gvidis kursojn en dekoj da landoj de Eŭropo.
Kelkfoje mi havis okazon instrui ankaŭ en Usono, Aŭstralio kaj en Afriko.
Miaj gefiloj, male al siaj samklasanoj, ekhavis amikojn el multaj landoj, kio signife larĝigis iliajn mondkoncepton kaj malfermitecon al diversaj kulturoj kaj lingvoj.

Fonto: "El la informbroŝuro <<Malkovru Esperanton>> - www.ikso.net/broshuro"

Nome: **Katalin Kovats**
País: Holanda / Húngria
Profissão: Professora e redatora de páginas de internet.
No movimento esperantista; entre outros
* Iniciadora e redatora do site www.edukado.net
* Muito estimada professora e pedagoga

Quando esperava meu primeiro filho, deitada em uma cama de hospital durante longos meses, subitamente comecei a pensar no esperanto, no que eu ouvira falar várias vezes em minha vida, e pedi a meu marido para que me adquirisse pra mim um livro de aprendizado e um dicionário. 30 nap alatt Eszperantóul (Esperanto em 30 dias) era o titulo do livro, que intensamente estudei antes do nascimento do meu primeiro filho. Foi um grande prazer da minha incapacidade na época, poder me apropriar de uma língua ao nível de possível comunicação em algumas semanas!
Continuei estudando também depois do parto e rapidamente passei ensinar esperanto por conta própria na escola onde eu ensinei matemática e a língua russa. Depois procurei contato com esperantistas. Isso na Húngria não é uma tarefa difícil, sem dúvida os esperantista são abundantes lá, também agora até professores diplomados n esse idioma. Eu também me diplomei e a "língua verde" (isto é o esperanto) começou a se entralaçar em nossa vida. Na minha e toda família. Por seu intermédio passei a ter passibilidades de viajar, estageei no Centro de Esperanto na Suiça e dei aulas na França, uns após outros, ministrei cursos por dezenas de países europeus. Algumas vezes tive a oportunidade de ensinar nos Estados Unidos, Austrália e na Africa.
Meus filhos, ao contrário de seus colegas de classe, passaram a ter amigos em muitos países, o que ampliou significantemente seus conceitos mundiais e sua abertura a diversas culturas e línguas.

Fonte: "Brochura informativa <<Descubra o Esperanto>> www.ikso.net/broshuro"

# Numismatiko

Numismatiko estas la helpa scienco de la Historio kiu studas metalajn pecojn, konataj kiel moneroj kaj medaloj. La etimologio de la vorto kiu difinas la "sciencon de la moneroj" estas la greka termino "nomos"- de kiu devenis la vorto "nomisma"- kiu signifas leĝon, interkonsenton, kontrakton, avertante pri la trajto fundamente kontrakta de la monero kiel institucio, same kiel "nummus" (latine, monera mono). Kiel mencias Aristotelo, la monero "nomiĝas nomismo ĉar ĝi ne estas produkto de la naturo, sed de la leĝo".
Dum la metalaj moneroj estas stampitaj aŭ fanditaj por ĉirkaŭiri kiel pagilo, la medaloj havas, ordinare, memorfestan karakteron, rilate al personoj aŭ eventoj. Numismatiko disvolviĝis komence de la Renesanco kaj solidiĝis dum la XVIII kaj XIX jarcentoj en Eŭropo, laŭgrade kiel la kolektoj de monarkoj kaj de muzeoj estis sistematike klasifikitaj.
En la lastaj dekoj, en diversaj landoj, eldonoj estis stampitaj sur altvaloraj metaloj (oro, plateno kaj arĝento) kun monaj valoroj esprimitaj. Iuokaze, tiuj moneroj estis dekretitaj kiel havantaj leĝan kurzon, sed sen la celo servi kiel pagilon, ĉar ilia propra valoro (la enhavanta valoro de la pura metalo) estis supera ol tiu de la stampo. Tiaj moneroj, ne destinitaj por la ĉirkaŭirado kaj preskaŭ ĉiam havantaj memorfestan karakteron eĉ kiam eldonitaj je granda kvanto, estas similaj al medaloj laŭ multe da fakuloj.
Ĝis la migremaj popoloj fariĝi hejmsidaj, pro la ekaperado de la terkulturo, de la bredado kaj de la vilaĝoj, en la periodo konata kiel neolitiko kiu en Mezoriento kaj en Ĉinio okazis inter 9000 kaj 7500 antaŭ Kristo (a.K.), eventualaj "komercaj transakcioj" okazis pere de rekta interŝanĝo. Tio estas, ŝanĝi unu produkton en alian, sen tio, ke specifa valoraĵo servu kiel referenca normo aŭ ilo de ekskluziva pago. (daŭrigos venontnumere)

Rafael Mattos / São Lourenço - MG - Brazilo
Numismato
ranghu2005@hotmail.com

# A Numismática

A Numismática é a ciência auxiliar da História que estuda as peças metálicas, conhecidas como moedas e medalhas. A etimologia da palavra que define a "ciência das moedas" é o vocábulo grego nomos - do qual derivou nomisma - que significa lei, convenção, contrato, lembrando a característica fundamentalmente contratual da moeda como instituição, bem como nummus (em latim, dinheiro amoedado). Como menciona Aristóteles, a moeda "chama-se nomisma porque não é um produto da natureza e sim da lei".
Enquanto as moedas metálicas são cunhadas ou fundidas para circular como meio de pagamento, as medalhas têm, via de regra, caráter comemorativo, relativo a pessoas ou eventos. A Numismática desenvolveu-se a partir do Renascimento e consolidou-se nos séculos XVIII e XIX na Europa, na medida em que as coleções de monarcas e de museus foram sendo classificadas de forma sistemática.
Nas últimas décadas, em diversos países, foram cunhadas emissões em metais preciosos (ouro, platina, prata) com valores monetários explicitados, e em certos casos decretadas de curso legal, mas sem qualquer objetivo de servir de meios de pagamento, tendo normalmente valor intrínseco (o valor de metal puro nelas contido) superior ao seu valor de face. Essas moedas, não destinadas à circulação, quase sempre de caráter comemorativo, mesmo quando emitidas em numerosos exemplares, são assemelhadas às medalhas por muitos estudiosos.
Até os povos nômades se tornarem sedentários, com o surgimento da agricultura, da criação de animais domésticos e de aldeias, no chamado período neolítico, o que no Oriente Médio e na China ocorreu entre 9000 e 7500 antes de Cristo (a.C.), eventuais "transações comerciais" ocorriam através da troca direta ou escambo de bens. Ou seja, um produto pelo outro, sem que um bem específico servisse de padrão de referência ou meio de pagamento exclusivo.

Rafael Mattos / São Lourenço - MG - Brasil
Numismáta
ranghu2005@hotmail.com

# Revuo Monato esperanta revuo
## Revista Monato revista esperantista

Monato estas internacia esperantlingva magazino pri politiko, kulturo, scienco, moderna vivo kaj aliaj temoj. Ĝi estas presita en Belgio, kaj havas legantojn en 65 landoj. Ĝi estas unika, ĉar por ĝi raportas nur korespondantoj el la lando mem, kiuj do funde konas la lokan situacion.
Monato estis fondita en 1979 de Stefan Maul. La unua numero aperis la 15-an de januaro 1980, kaj ekde tiam aperas mezume unu numero ĉiumonate.
Ekzistas entute 6 diversaj versioj de Monato. La plej populara kaj unua estas la magazina aŭ 'papera' versio. Por blinduloj oni produktas kasedan version de Monato, kiu tamen ne enhavas ĉiujn artikolojn el la magazino. Ekde 2001 abonantoj povas ricevi ĉiujn tekstojn de Monato per retpoŝto, ĉu en askia formo laŭ la x-surogato, ĉu en XHTML-formo en Unikodo. En 2003 aldoniĝis 5-a versio en PDF-formo kaj en 2008 speciala versio por poŝtelefonoj. Ĉiuj tekstoj el la papera publikaĵo estas ankaŭ konsulteblaj en Interreto. Abonantoj povas konsulti ĉiujn tekstojn; neabonantoj ne povas konsulti tiujn de la kuranta jaro.
Plurajn specimenajn tekstojn kaj aliajn informojn vi povas trovi en la retejo de Monato: www.monato.net

Paul Peeraerts / Belgio
Redakcia sekretario de Monato
monato@fel.esperanto.be

Monato é um periódico internacional, sobre política, cultura, ciência, vida moderna e outros temas, no idioma esperanto. Ele é impresso na Bélgica e tem leitores em 65 países. Ele é único, pois suas reportagens são feitas por correspondentes do próprio país, os quais conhecem a fundo a situação local.
Monato foi fundada em 1.979 por Stefan Maul. O primeiro número apareceu em 15 de janeiro de 1.980 e, a partir de então, aparece em média um número por mês.
Existe ao todo 6 diferentes versões de Monato. A mais popular e a primeira é o periódico, ou versão em papel. Para cegos, se produz versão do Monato em fita cassete, a qual, contudo, não contém todos os artigos do periódico. Desde 2.001 os assinantes podem receber todos os textos do Monato por e-mail, seja no formato ASCII de acordo com sucedâneo, seja no formato XHTML em Unicode. En 2.003 foi acrescentada a 5ª versão no formato PDF e em 2.008 uma versão especial via celular. Todos os textos da publicação em papel também estão disponíveis na internet. Os assinantes podem consultar todos os textos; não-assinantes não podem consultar os textos do ano vigente.
Diversas amostras de textos e outras informações você encontra no endereço de Monato: www.monato.net

Paul Peeraerts / Bélgica
Secretário de redação da Monato
monato@fel.esperanto.be

# Meĥatroniko en aktualeco
# Mecatrônica na atualidade

Je lasta jaroj ŝajnas ke pli kaj pli la homaro dependas de la aŭtomataj sistemoj, kies zorgas la Meĥatronica Enĝenarto.
Historie, ĉiam la homaro serĉas metodojn kiuj ĝin helpas faciligi la manlaboron. Post la Industria Revolucio la maŝinoj tute ŝanĝigis la taskdistribuadojn, antaŭ nur mekanikaj, la maŝinojn kaj la produktadon evouliĝis al la plej kompleksaj projektoj, la meĥatronikaj projektoj.
Pri Meĥatroniko, certe la eksploristoj interkonsentas pri fakto ke ĝi kunigas plurajn gravajn konojn, ekzemple komputado, meĥaniko, elektra-elektroniko kaj aŭtomatado. Laboroj faritaj laŭ la unueco de tiuj fakoj. Uzante industriaj robotoj perfekte oni povas realigi taskojn ke ne eblas al homaj manoj, ekzemple labori ene altaj temperaturaj lokoj, en ne spiraj kondiĉoj kaj aliaj danĝeraj situacioj.
Multajn personojn diras ke la teknologio lasas multajn laborantojn maldungitaj. Bedaŭrinde, kiam aperas maŝinojn kiuj anstataŭiĝas laborant-grupon, ili nek ĉiam sukcesas daŭrigi en tiu laboro. Sed logike oni devas pensi ke nur riĉaj entreprenoj kapablas modernigi sian produktado tre teknologa. Do, certe ekzistos aliajn entreprenojn(malgrandaj) ke longtempe uzos tradiciajn laborajn metodojn kaj ankoraŭ dependas de homara man-laboro.
Pensu pri kiel oni farus: aŭtomobilojn, komputilojn, poŝ-telefonojn, kaj eĉ nian dentbrosiloj; sendube, tiojn ne estas produktata kiel manarto sed laŭ severaj leĝoj de teknikaj kaj kvalitaj defaŭltoj. Pripensu vian vivon sen teknologio, ne eblas, la teknologio nur ekaperas el kreia homa kapablo.

Maycon Oliveira Fernandes, Meĥatronika Inĝenierarto Studanto el Federala Centro de Teknika Edukado el Minas Ĝerajso (CEFET), Divinópolis - MG
mayconfernandes@gmail.com

Nos últimos anos cada vez mais parece que a humanidade depende dos sistemas automatizados, sistemas os quais cuidam a Engenharia Mecatrônica. Historicamente, sempre a humanidade buscou por métodos que a ajude facilitar o trabalho manual. Depois da Revolução industrial, as máquinas mudaram totalmente a distribuição das tarefas, antes apenas mecânicas, as máquinas e a produção evoluiram para os mais complexos projetos, os projetos mecatrônicos.
Quanto a mecatrônica os exploradores entram em consenso sobre o fato que ela reune vários importantes conhecimentos, por exemplo a computação, a mecânica, a eletricidade-eletrônica, o controle e a automação. Trabalhos feitos segundo a unidade dessas matérias. Com robôs industriais perfeitamente se pode realizar tarefas as quais seriam impossíveis de serem realizadas por mãos humanas, como exemplo trabalho em altas temperaturas, em condições não respiráveis e outras situações perigosas.
Muitas pessoas dizem que a tecnologia deixa muitos trabalhadores desempregados, infelizmente, quando surgem máquinas que substituem um grupo de trabalhadores, eles nem sempre conseguem continuar no trabalho. Mas logicamente devemos pensar que apenas as empresas ricas são capazes de modernizar sua produção para algo ultra tecnológico. Então, certamente existirão empresas (pequenas) que ainda por um longo período usarão os tradicionais métodos de trabalho e ainda dependerão da mão de obra humana.
Pense sobre como faríamos automóveis, computadores, celulares, máquinas de calcular e até mesmo nossas escovas de dente, sem dúvida, esses itens não são produzido como arte manual, mas são feitos segundo as severas leis de padronagens técnicas e de qualidade. Reflita sobre sua vida sem tecnologia, não seria possível, a tecnologia apenas aparece da capacidade criativa humana.

Maycon Oliveira Fernandes, estudante de Engenharia Mecatrônica do Centro Federal de Educação Tecnológica de Minas Gerais (CEFET-MG),
Divinópolis – MG
mayconfernandes@gmail.com

**Diversaĵoj - Diversos**

UNU MALGRANDRUSO veturis sur veturilo. Subite la veturilo kliniĝis: ĝi trafis en kavon. La malgrandruso desaltis kaj provis levi la veturilon, sed ne povis. Tiam li kolektas siajn fortojn kaj vokas pro helpo la sanktan Nikolaon. Sed ankaŭ tio ĉi ne helpis.
Tiam en malespero li krias "Ĉiuj sanktuloj helpu!" kaj puŝas la veturilon kun tia forto, ke ĝi renversiĝas sur alian flankon.
"Jen vi havas!" li ekkriis kolere: "Vi ne devis puŝi ĉiuj kune!"

UNU ADVOKATO, tre malgranda, venis juĝejon, por defendi la aferon de sia kliento. Alia advokato, vidante lin, demandis, kiu li estas. Tiu respondis. Tiam la unua ekkriis: “Kio? tia malgranda advokato? Mi ja povas vin kaŝi en mian poŝon!” “Vi povas”, trankvile diris tiu, «kaj tiam en via poŝo estos pli da saĝo, ol en la kapo».

UNU GENERALO volis rigardi, kiel oni nutras la soldatojn. Neatendite li venas en la soldatan kuirejon. Sur la korto li renkontas du soldatojn, kiuj portas kaldronon.
“Haltu!” li ordonas. “Alportu kuleron!” “Sed, Via Generala Moŝto …” komencas la alkurinta adjutanto.
“Silentu!” krias la generalo. Li prenas kuleron. “Levu la kovrilon!”
Lia ordono estas plenumata. Li ĉerpas per la kulero la fluidaĵon, provas kaj kun abomeno kraĉas. “Kio tio ĉi estas? ĝi estas tia supo? Ĝi estas kotaĵo!!” “Jes, Via Generala Moŝto”, murmuretas la timigita adjutanto, “mi tion ĉi ja volis diri al vi”. [M. SOLOVJEV]

*El la verko “Anedoktoj el Fundamenta Krestomatio - L.L.Zamenhof”*

UM PEQUENO HOMEM RUSSO dirigia seu carro. Subitamente o carro se inclinou: caiu num buraco. O russo saltou e tentou erguer o carro, mas não conseguiu. Então, juntou suas forças e chamou pela ajuda de São Nicolau. Mas também isso não o ajudou.
Então, no desespero gritou: “Todos os santos me ajudem!” e empurrou o carro com tamanha força, que tombou o carro para o outro lado.
“Eis o que fizeram!” ele gritou furiozo. “Vocês não deveriam empurrar todos de uma só vez!”

UM ADVOGADO, muito pequeno, veio ao fórum, para defender uma causa para seu cliente. Outro advogado, vendo-o, perguntou, quem era ele. Este respondeu. Então, o primeiro gritou: “O que? Tal pequeno advogado? Sem dúvida posso te esconder em meu bolso!” “Você pode”, o pequeno tranquilamente disse, “e então em seu bolso teria mais sabedoria que em sua cabeça”.

UM GENERAL quis ver, como seus soldados se nutriam. De surpresa, ele vai ao rancho dos soldados. No quintal, encontra dois soldados que levam um caldeirão.
“Parem!” ele ordena. “Tragam uma colher!” “Mas, Senhor General ...” acorrendo começa o ajudante.
“Silêncio!” grita o general. Ele pega a colher. “Ergua a tampa!”
Sua ordem é cumprida. Ele dá uma colherada no líquido, prova e cospe com asco. “O que é isto? Esta é a tal sopa? Isto é barro!!” “Sim, Senhor General”, murmura o temeroso ajudante, “isso é o que eu queria lhe dizer”. [M. SOLOVJEV]

Da obra “Anedotas de Crestomatia Fundamento - L.L. Zamenhof”

**Humoraĵo - Humor**

Maria Antônia Sobral - Silvianópolis - MG







